# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 21/07/2013 Cent dudekdu Eldono 21/07/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer SENDATA AL 255 RETADRESOJ

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

### Informaj rakontetoj, Bona lingvo 5 minuta lertiga sperto

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ 9 Julio 2013



### Akcelinda kunlaboro pri nia lingvo

Rilate al Esperanto tio signifas ke la esperantistaro devas koncentriĝi igi la lingvon matura por internacia merkato. Do estas senutile postuli la enkondukon de la lingvo se ne jam ekzistas sufiĉe larĝa bazo de aplikado. En la ekonomio oni solvas tiun dilemon per testmerkatoj. Por Esperanto tamen estas malfacile trovi testmerkaton, ĉar nenie en la mondo estas sufiĉe alta denseco de E-parolantoj en iu loko, regiono aŭ lando. Restas nur la ebleco pri virtuala testmerkato pere de la interreto. Tie ne gravas kiom da homoj parolas resp. regas la lingvon en iu certa loko. Do la tuta mondo povas en tiu senco esti la testmerkato. Gravas nur trovi sufiĉe da homoj kiuj kapablas kaj pretas interagi por akceli la praktikan aplikadon de la lingvo. . (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperanista familio ĝojos.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





## La Riĉeco de Esperanto.



La reguloj por la vortfarado, kaj speciale la reguloj por la gramatiko de Esperanto, estas tiom genie faritaj de Zamenhof, ke ili havas la kapablon permesi la kreadon, en la estonteco, de nun ankoraŭ ne kreitaj vortoj, plej ofte novaj vortkunmetoj, por pliriĉigi la lingvon per ĝiaj propraj radikoj.

Mi donas kelkajn ekzemplojn, sed substrekas ke ili nuntempe ne estas uzataj, kvankam eblaj.

Unue en la gramatiko. La regulo, ke la akuzativo povas anstataŭi prepozicion (je Lundo > Lundon) logike signifas ke ni povas alkutimiĝi al nur "al" esti samsignifa al la akuzativo, kio rezultos en ekz. "plonĝi al en la akvo" kaj "ricevi la libron el de (= el apartenanta al) mia frato (kontraŭa al "de mia frato = kiu verkis ĝin"). La kombino "el de" povos do havi riĉan ontan uzadon. Same "el kun la 5.a ĝis kun la 10.a de Januaro (= inkluzive).

Kelkaj afiksoj povos havi pli da uzo en ekz. "ĝis reo" (anstataŭ la lingve monstra kaj neebla "ĝis la"), kaj "-ati" povos (kaj jam tie kaj ĉi tie estas) uzati por la verba pasivo. Same la prepoziciaĵoj (= prepositional phrases) "ate de" kaj "ante al" povos havi ontan uzon, kie necese nur. Mi invitas ĉiujn Esperantistojn priskribi, kion ekzakte signifas ĉi tiuj du kombinaĵoj, per la signifoj de la adverboj "ate" kaj "ante" kaj de la prepozicioj "de" kaj "al". Oni bezonos plurajn frazojn por klarigi la signifojn ĝuste. Ne simple diri la anglajn "by" kaj "to".

En la vortfarado eblos konstrui ekz. klaran diferencon inter la formo



"antaŭmanĝo", kiu signifas "manĝo antaŭ la manĝo" kaj la same aglutina formo "manĝantaŭo" kiu signifas la faron aŭ la aferon antaŭ la manĝo, ekz. trinki vinon aŭ eĉ babili. Aŭ la "krommono", kiu estas la ekstra mono, kaj la "monkromo", kiu estas la nemonaj ekstraĵoj donendaj aŭ pagendaj kontraŭ io.

Sed ne konsterniĝu! Ĉi tiuj estas nur kelkaj ebloj nun ne (aŭ malofte) uzataj de la riĉa Esperanto. Nia inteligenta lingvo certe ne bezonas adopti gramatikaĵojn kaj novajn vortojn de aliaj lingvoj.

Marcel Leereveld.

Kara Roger,
dankon pro via ĉiam interesa bulteno.
En la lasta numero mi legis la artikolon de Marcel Leereveld (AE121) kaj pro tio mi kuraĝas peti vin informi viajn legantojn pri la retejo
http://www.bonalingvo.org/index.php?title=Simplaj_samsignifaj_vortoj
kie kolektiĝas amaso da vortoj kaj esprimoj kreitaj interalie kunlabore kun Marcel.
Se legantoj volas aliĝi al la laboranta teamo, ili bonvolu sendi mesaĝon al
<la-bona-lingvo+subscribe@googlegroups.com> .
Por ke Esperanto estu tutmonda necesas tutmondigi ĝin.
Amike
Renato Corsetti

## Saluton al vi okaze de Esperanto-Tago 2013!

Ĉu mi rajtas memorigi vin pri Esperanto-Tago je la 26a de Julio? Tio estas la naskiĝtago de la internacia lingvo:)
Nia celo estas informi la eksteran mondon pri la bezono solvi la lingvan problemon pere de la uzo de neŭtrala, nenacia lingvo, nome Esperanto. Nia slogano estas "justa komuniko" kio kongruas kun la temo de la Universala Kongreso en Islando. Mi esperas ke vi povos helpi per informo al la ekstera mondo pri Esperanto?
Ekzistas afiŝoj por via tuja uzo en **entute 65 lingvoj**. Ni petas ke vi uzu!
Bonvole klaku sur la suban ligilon kaj uzu en universitatoj, bibliotekoj kaj lokaj butikoj.
**http://uea.org/vikio/Proponataj_simboloj_por_la_jaro_2013**
Krome ni kompilis tekston en via lingvo kio troviĝos sube. Ni petas ke vi sendu tion al televidaj stacioj, gazetaro, radio ktp en via lando.
**http://uea.org/vikio/Unua_komuniko_-_justa_komunikado**

Mi ankaŭ algluas simbolon uzebla dum la tuta jaro - bonvole uzu, ne ekzistas kopirajto :) Multaj homoj jam uzis en siaj fejsbukaj profiloj.



Kore salutas kaj dankas.
Brian Barker.
Komisiito pri informado okaze de la UK en Rekjaviko.

# La Esperanto-afiŝoj denove vivas




Post preskaŭ 2-jara "ripozo" en la domo de ge-Steeloj la altkvalitaj afiŝoj, produktitaj por la ekspozicio en la adelajda Migrada muzeo (2011), denove altiras atenton de la publiko. Dum 3 semajnoj ili ornamos la halon de la komunumejo-biblioteko en la adelajda antaŭ urbo Mawson Lakes. Kiel aldonaj varbiloj ni uzis la novajn Ŝlosilojn, faritajn en Sidnejo.



Kun amika saluto, Katja

# La Adelajdaj Esperanto-kluboj.

Ni renkontiĝas ĉiun unuan merkredon je la 18-a horo en la Skatolfabriko. Ĉiun ĵaudon la plej multaj el ni renkontiĝas en la Ŝtata Biblioteko en Bela Adelajdo. La 27-an de julio ni renkontiĝos - ĉiu kun ne-esperantista gasto - je la 14-a horo, en la gastema hejmo de Katja kaj Trevor Steele por eĉ tre amuza kaj instrua kvizludado.

La 17-an de aŭgusto ni ĉiuj renkontiĝos, je la 14-a horo, en la modesta hejmeto de Bob Felby por espereble tre instrua kaj precipe amuza Literatura Posttagmezo.

La 14-an de septembro, je la 14-a horo, ni ĉiuj renkontiĝos en la luksa loĝejo de Pat Palmer por Teatraĵa Posttagmezo.

La 19-an de oktobro, je la 17-a horo, ni ĉiuj renkontiĝos en la grandega hejmo de Indrani por Kantovespero.

La 14-an de decembro, je la 16-a horo, ni ĉiuj renkontiĝos en la grandega, luksa kaj gastama hejmego de Indrani por solene kaj amuze, eĉ amuzege, festi la datrevenon de la naskiĝo de la geniulo Zamenhof. Mi bedaŭras, sed mi ne plu memoras kiom da jaroj li havos tiam, sed mi certas, ke iu memorigos min !!!



Plej amike,
Bob Felby



## HISTORIO DE ESPERANTO EN AUSTRALIO 2005-2013

Ĉiam dankon pro la daŭran laboron por eldoni la novaĵletero.
Komuniki al la grupo estas nun multe pli facile.
HISTORIO DE ESPERANTO EN AUSTRALIO 2005-2013
Mi komencas kolekti faktojn por ĝisdatigi la historion de Esperanto en Aŭstralio por la jaroj 2005-2013.
Jam Katja Steele el Sud-aŭstralio faris por sia ŝtato. Nun mi bezonas la informon de aliaj ŝtatoj. Bv kontakti al mi se vi povos fari tion aŭ parto de tio. (Kiel sekretario de grupo eble vi jam havas je via dispono tiu informo). Mi povos sendi al vi la laboron de Katja kiel ekzemplero se dezirata.
Terry Manley teren2012@gmail.com

La internacia Rotary kongreso okazos en Sidnejo komence de junio 2014. Usona esperantisto intencas partopreni kaj ŝatus, ke ni helpu lin disdoni faldfoliojn pri Esperanto dum la kongreso. Amike, Nicole

3 australianoj partoprenas en la ILEI konferenco en Germanio. Mi baldau sendos

fotojn. Amike, Nicole (Eble je AE123)

**La Ŝlosilo 32 paĝa** **Handy Card**

Roger Springer desegnis Jim Radford desegnis







Ambaŭ estas propagandiloj
Nun vi havas taŭgan respondon, se oni demandas pri Esperanto,

Donu la "handy Card" al ĉiuj demandantoj.
Donu la libreton al iu ajn, kiu montras lingvan intereson
Donu al lingvaj studantoj.

Ne permesu, ke ili nur kuŝu sur via breto, skatolo ktp.
Ĉiam portu kopiojn je via poŝo, monujo,aŭ mansako, preta propagandu Esperanton.

La estonteco estas je viaj manoj. La propagandiloj estas, uzu ilin

Informu AE pri viaj sukcesoj.

Aliaj ideoj
Ĉiuj Esperantistoj povus disdoni ilin.
Ekzistas ĉirkaŭ 3600 bibliotekoj en Aŭstralio.
Adresoj por la politikistoj ktp estas en la reto.



**Pensu ! Pensu ! Kion vi proponas ?** Skribu al mi. Roger S



Esperantisto kaj Direktoro de ImageDirect, presis la libreton la dua fojo Li sendos 2000 kopiojn al mi la venontan semajnon




## 3ZZZ Svetislav Kanaĉki informas

(Provlegita de Volo Gueltling)

Jen la serio de fotoj kiun mi preparis por ekspozicio antaŭ jaroj, por kongreso de AEA okazinta en Melburno. Ĉi tie estas videblaj fotoj de la vizitantoj ĉe 3zzz Esperanto Radio Progamo, se vi pligrandigos eblos vidi gastojn kaj flagetoj de la lando de vizitantoj, eble iu rekonos sin mem aŭ konatojn de si.

Mi skribu iom pri la komenco de RADIO-STACIO KAJ FONDAĴO DE ĜI.

En 1988, mi regule aŭskultadis naciajn programojn, antaŭ ol komencis SBS radio stacio. Tiam programo de tiama lando JUGOSLAVIO venadis de Geelong por de tiu lando devenintoj la lingvo kio estis oficiala kiel ( Serbo-Kroata aŭ Kroato-Serba ) unu foje po semajno, ( dimanĉe). Aŭskultante jugoslavan lingvon, estis anonco, invito de enmigrantoj por organizi radiostacion, por nacilingvaj grupoj. La telefonnumero por kontakto kaj informojn mi tuj skribis kaj telefonis por aŭdi pri detaloj kaj kondiĉoj por

membriĝi ktp. Je alia fino de la lino estis viro. Mi gratulis pro la anonco, kaj ke min interesas, ĉu ĉiuj povas membriĝi ( la repondo estis, ke ĉiu nacia grupo aŭ organizo rajtas ), mi petis ke ili sendu al mi la detalojn kaj kondiĉojn kiujn mi trastudu. Post du tagoj mi ricevis stakon da informoj kun kondiĉoj.

Ĉitie komencis mia aktiveco : Ĉar unu kondiĉo estis ke ni devus havi minimume 20 membrojn kaj provizoran komitaton de 5 membroj ( Kunvokanto, Sekretario, Kasisto, kaj 2 subtenantoj ). La unua persono al kiu mi fidis ke li kun ĝojo akceptos mian proponon, estis Herbert Koppel, je mia surprizo estis rifuzo kun grandaj vicoj de kialoj. Ekzemple kiu faros, kiu scias pri radio, kion ni parolu, kiu pagos, ni ne havas kapablajn personojn por radio, kaj kaj, li ne akceptis. Nun mi komencis pensi. Mi invitis membrojn de adoltedukada Esperanto grupo por la propono organizi volontulojn, por radio dissendo. Ĉeestis 10 personoj en la konstruaĵo de adoltedukado, estis dimanĉo posttagmeze je la 3a horo. Mi klariĝis la tutan situacion pri aŭdo de anonco kaj ke mi kontaktis koncernan instancon kaj pri ricevitaj detaloj, ĉiuj dubis pri sukceso kaj neniu membriĝis. Post la fino de kunveno, restis gesinjoroj Tumman Ĝerald kaj Ruth. Ĝerald estis tre aktiva agitanto kaj organizadis ekspoziciojn en bibliotekoj. Mi ĉiam faris fotojn de la ekspozicio kun Ĝerald.

Post plia diskuto kun ili , mi diris: Valoras provi, kaj se mi ne sukcesos, ni scios ke ni provis almenaŭ, do ili akeptis. Nun mi sentis min iom pli bone, mi daŭrigadis serĉadon. Samtempe mi pensis pri la nomo de la grupo de volontuloj por radio, mi decidis ke nomo devus esti akceptota por provizora estraro de radio stacio, kaj aŭskultantoj. Do selekto estis ESPERANTO KAJ AMIKOJ DE ESPERANTO EN RADIO. Je tiu nomo mi invitis ankaŭ neesperantistojn, niajn amikojn konatajn kiuj akceptis helpi al mi por kolekti nombron postulatan de 20 personoj. Nun mi jam havis 6 personojn, tiam venis pliaj. Erol Ĉik, Jan Monkovski, Stepanov Ruso, kaj Aŭgunas, Harri Biĉi, Ĝerold Tumman, Ruth Tumman. Nik Nikolas, Margaret Yung, Ŝandor Monoŝtori, Ĝeoff Cutter, Mihajlo Vukovic, Tonka Mijat, Chzan Robert, AnneDoggett. Nun mi jam estas kontenta, ses monatojn da laboro, personaj kaj telefonaj kontaktoj.

se vi akceptas pulikigi tion, mi povas daŭrigi, pri komenco de 3zzz Esperanto programo.

Anticipan dankon. Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com